VIIIa jaro. N° 117 ★ Duonmonata ★ 20 Februaro 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

**Jara abono** . . . . . . **2,00 $** (5 fr. »)
**Luksa eldono** . . . . . **2,50 $** (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
**HECTOR HODLER**

**REKLAMO**

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco). **20 Sd.**
**Anonceto** (1 linio : 10 vortoj) . **15 Sd.**
**Korespondado** (1 enskribo) **20 Sd.**
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

**Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)**

## TEKSTO



# MONDA ORGANIZO

Malmultaj personoj konas la veran gravecon kaj amplekson de la movado de la internaciaj liberaj organizajoj, kiuj fariĝas ĉiutage pli multnombraj kaj atentindaj. Ni, Esperantianoj, speciale devas esti informataj pri ĉiuj klopodoj, celantaj la plifaciligon de la internaciaj rilatoj. Tial, ni sube enpresas la tradukon de la tre dokumentita raporto, kiun Senatano H. La Fontaine, direktoro de la Internacia Bibliografia Instituto kaj sekretario de la Centra Oficejo de la Internaciaj Institucioj, prezentis al la Unua Mondkongreso de la Rasoj.

En la momento, kiam multaj homoj laŭdegas la ŝovinistajn sentojn kaj per artefaritaj bariloj penas izoli la popolojn, malrapide efektiviĝas grandioza interpenetrado de la rasoj, interesoj kaj ideoj.

La tuta terglobo fariĝas unika civito. Tia estas la konsola aspekto de la aferoj, ilia reala aspekto, kontraŭ la ŝajna aspekto de batalo, malamo kaj malkonfido, sub kiu la homoj volas vidi la okazajojn.

Por doni ĝustan ideon pri la movado, kiu instigas la homaron al pli da interkonsentemo kaj konkordo, oni devus samtempe konsideri la entreprenojn kreitajn dank'al la registara iniciato kaj tiujn kreitajn per la privata iniciato. Kvankam unuj kaj la aliaj estas intime kunligataj, ni limigos nian studon al la sola kampo de la liberaj, t. e. neregistaraj internaciaj institucioj, vasta kaj komplika kampo, kies amplekson permesos fiksi du ciferoj. De 1843, kiam kunvenis la unua kongreso de libera iniciato, ĝis 1910, pli ol du mil internaciaj kunvenoj okazis, el kiuj ok cent dum la lasta jardeko. La sumo de la diversaj grupiĝoj, kiuj celas je universala vidpunkto studi ĉiujn demandojn, kiuj povas koncerni la homaron, atingas jam pli ol 250.

Ni ĉi tie povas doni nur maldetalan skizon de la laboro plenumita de tiuj organismoj kaj desegni nesufiĉan bildon pri la grandioza tasko plenumota. Laŭ nia opinio, la konkludoj el la ekzameno, kiun ni faros, estos unuparte la vasteco de la movado, kies fazojn ni priskribas, kaj aliparte la organiza karaktero, kiun oni povis doni al ĝi per la kreo de monda federacia institucio.

La unua kaj plej grava fenomeno, kiun ni devas konsideri, estas evidente la ekonomia fenomeno : produktado kaj cirkulado. La formado de la tutmonda vendkampo estas hodiaŭ plenumita fakto. La prezŝanĝoj por la plej diversaj produktoj ne plu havas lokan aŭ nacian karakteron ; la internaciaj reagoj estas de nun tujaj. La trustoj kaj karteloj plimultiĝis kaj plivastiĝis ; la internacia koncentrigo de diversaj industrioj estas publika fakto, malgraŭ la sekreto, kiu kaŝas tiajn kombinojn. Kontraŭ tiu koncentrigo de la uzinoj kaj industrioj, la laborista klaso siavice grupiĝis, unue nacie, poste internacie. Nuntempe, ekzistas pli ol tridek internaciaj federacioj, speciale de la ministoj, muldistoj, pavimistoj, dokistoj, tipografistoj, transportlaboristoj, bierfaristoj, vitristoj, potartistoj, metalistoj, diamantistoj, ligno- kaj ledolaboristoj, peltistoj, teksistoj, tabakfaristoj, selistoj, ŝuistoj, gantistoj, bindistoj, tajloroj, ĉapelistoj, barbiroj, masonoj, pentristoj, muzikistoj, komercoficistoj, poŝtistoj, telegrafistoj, fervojistoj, hotel- kaj kafejoficistoj.

Ĉiuj tiuj federacioj estas grupigitaj en la « Internacia Sekretariejo de la naciaj centroj de sindikatoj » (1).

La laboristaj organizaĵoj celas precipe la pliboniĝon de la laborkondiĉoj, kaj oni rapide konstatis, ke la dezirataj solvoj devas havi internacian aplikon. Oni memoras la bruon, kiun en 1890 faris la kunvoko de la unua « Internacia Konferenco por la reguligo de la laboro », laŭ la instigo de la Imperiestro de Germanujo. Ĝi ne prosperis, sed de 1897 internaciaj kongresoj klopodis grupigi ĉiujn interesatojn pri tiuj demandoj kaj fine sukcesis fondi la « Internacian Asocion por la leĝa protektado de la laboristoj ». La efektivigo de la decidoj alprenitaj de la ĉiudujaraj kunvenoj de tiu asocio estas komisiita al la « Internacia Labor-Oficejo » instalita en Basel (Svisujo). Ĝi apogas sin sur naciaj sekcioj, kies kotizaĵoj aldonitaj al la ŝtataj monhelpoj, permesas al ĝi plenumi la necesan laboron. Ĝi sukcesis atingi de la Ŝtatoj la malpermeson de la uzado de l'blanka fosforo en la fabrikado de la alumetoj kaj la malpermeson de la nokta laborado de la virinoj. Aliaj grupiĝoj celas aliparte la malpermeson de la dimanĉa laboro, la batalon kontraŭ senlaboreco, la studon de la demandoj pri laborakcidentoj kaj sociaj asekuroj.

La rolo de la registaroj en la organizo de la cirkulado de l'homoj kaj objektoj estas konata : la Poŝta Unio, la Telegrafa Unio, la Radiotelegrafa Unio, la Unio por la transporto de la negocaĵoj, faris el la tuta terglobo unikan teritorion. Sur la maro, la alpreno de unuformaj vojreguloj kaj la aplikoj de la internacia kodo de la marsignaloj sankciis la malnovan kutimon, laŭ kiu la oceanoj estas esence internaciaj vojoj.

En tiu agadkampo la Ŝtatoj estis gvidataj kaj inspirataj de vastaj asocioj, kiel la « Internacia Asocio de la fervojaj Kongresoj », formita el 47 publikaj administracioj kaj 411 privataj, kaj « Internacia Asocio de la navigadaj Kongresoj », formita el 22 registaraj administracioj, 260 privataj kaj pli ol 1.500 individuaj membroj. Ne malpli grava je tiu vidpunkto estas la « Internacia Unio de la tramoj kaj fervojoj de loka intereso », kiu kalkulas 550 entreprenojn, kompaniojn aŭ asociojn de tramoj.

Se la Ŝtatoj ankaŭ donis sian atenton al la demandoj pri higieno kaj sanigado, tio okazis, ĉar de longe ekzistis potencaj organismoj de propagando kaj profilaksio. La du plej influaj grupiĝoj en tiu direkto estas tiuj, kiuj celas la batalon kontraŭ alkoholismo, kies unua kongreso okazis en 1878 kaj kiu naskis du gravajn grupiĝojn, nome la « Internacia Federacio de la Blua Kruco » kaj la « Sendependa Ordeno de ta Bontemplanoj » kaj la organizaĵoj kreitaj en 1888, kiuj celas la defendon de la junulinoj kontraŭ la danĝeroj de la grandaj urboj. Ili estas la « Internacia Unio de la amikinoj de l'junulino » kaj la « internacia Asocio de la protektentreprenoj por la junulinoj ». La protektado de l'infanoj, la patronado de la forlasitaj infanoj kaj de la liberigitaj kondamnitoj, de la frenezuloj, de la surd-mutuloj, de la blinduloj, estis ankaŭ la temo de internaciaj kunvenoj. Ni ankaŭ citu la « Universalan Ligon de la Kristanaj Unioj de junaj viroj », kiu kalkulas pli ol 900.000 membrojn (2)

Al tiuj gravaj problemoj pri la morala kaj materia bonstato de la homaro, oni devas aldoni la laborojn pri asekuro kaj mutualeco. Konsiderinda estas la graveco de la kongreso de aktuarioj, kiuj de 1895 kunvenas ĉiu trijare. La kuracistoj de la asekurkompanioj ankaŭ grupiĝis internacie de 1899. La mutualista movado, kies amplekso kreskis en vere impresa maniero, atingis la stariĝon de « Internacia Federacio de Mutualeco » kaj la kreon de « Konstanta oficejo de mutualistaj studoj kaj statistikoj ». Kun la mutualeco oni povas ligi la ne malpli gravan movadon de kooperado. En tiu agadkampo sin trudis la neceseco de internacia grupiĝo, kiu realiĝis en 1892 per la kreo de la « Internacia Kooperativa Ligo ». Ekzistas ankaŭ « Internacia Konfederacio de la Kooperativaj Agrikulturaj Societoj » kun 28.000 asocioj. Al la ĵus cititaj faktoj oni povas kunmeti la asociojn, kiuj celas la plibonigon de la malriĉaj klasoj. Tiel estas kreita « Internacia Instituto por la studo de la problemo de la mezaj klasoj ». Al simila celo estis starigata « Internacia Konstanta Komitato de la malkaraj loĝejoj ».

Je la vidpunkto de la puraj sciencoj, la internacia kunlaborado estas nekontestebla fakto ; ĉiuj eltrovaĵoj estas la rezultatoj de la laboroj de l'sciencistoj apartenantaj al la plej diversaj nacioj. Tio ĉi nature kondukis la sciencistojn al grupiĝo en internaciaj asocioj. Inter la sciencoj la unua vico apartenas al matematiko, kies internacioj kongresoj okazas ĉiukvarjare de 1897. Ili kreis diversajn internaciajn organismojn : la « Internacia Komisiono por la unuigo de la vektoraj notadoj », la « Internacia Asocio por instigi la studon de la kvaternioj », la « Internacia Komisiono de l'Matematika Instruado ».

La astronomoj kunvenas en internaciaj kongresoj de 1865. Ili kreis diversajn entreprenojn, kies plej grava estas « Internacia komitato por la farado de la geografia karto de l'ĉielo » : tiu entrepreno, kiu grupigas 19 observatoriojn necesigos 22.000 fotografajn kliŝaĵojn.

Ekzistas ankaŭ « Internacia Unio por la sunaj priserĉoj ». Por la mezuro de l'tempo estas fondita en 1900 « Konstanta Internacia Komisiono de kronometrio ». Plie, « Internacia Konferenco por la elekto de unua meridiano » enkondukis, de 1884, la sistemon de la horaj daŭboj nun preskaŭ ĉie akceptitan. Aliaj mezurunuoj necesigis la kreon de specialaj komisionoj, speciale la fotometria unuo, la elektraj unuoj sankciitaj de la diversaj naciaj leĝaroj, la unuforma kontrolmarkado de la termometroj.

La terglobo ankaŭ internacie altiris la atenton de la sciencistoj je diversaj vidpunktoj. Ĝia geologia kono estis la temo de la diskutoj de l'Internaciaj kongresoj de geologio, kiuj ĉiutrijare okazas de 1878. Tiuj kongresoj organizis internaciajn komisionojn por la unuecigo de la geologiaj figuroj kaj de la geologia nomaro, por stratigrafio, petrografio, paleontologio kaj geotermio. Estis kreata « Internacia Asocio pri glacio » kaj « Internacia Instituto pri vulkanoj ». Hidrologio, klimatologio, meteorologio estas la studcelo de regulaj internaciaj kongresoj. « Meteorologia Internacia Komitato » funkcias de 1873 kaj formis diversajn specialajn komisionojn. Oni kreis interkonsentojn por unuformigi la meteorologiajn observojn ĉe la maro kaj ĉe la polusaj regionoj. Ekzistas ankaŭ interkonsento por la sistema esplorado de la atmosfero per sondbalonoj.

Se de la tero ni transiras al ĝiaj loĝantoj, ni konstatos, ke de longe, nome de 1865, la antropologiaj kaj prahistoriaj demandoj okazigis gravajn kunvenojn ; inter ili tiuj de la Orientistoj kaj Amerikanistoj speciale fiksis la publikan atenton. La studon de la tero kaj de ĝiaj loĝantoj ankaŭ koncernas la internaciaj kongresoj de geografio kunvenantaj de 1871. Al ilia iniciato oni ŝuldas la starigon de la terkarto je I : 1.000.000. Pri la sama temo estas citinda la « Internacia polusa komisiono ».

La sciencoj naturaj kaŭzis sennombrajn kongresojn. Tiuj pri botaniko, de 1861, naskis « Internacian Komisionon de botanika terminaro» kaj la « Internacian Asocion de la botanikistoj ». La kongresoj de zoologio komencis en 1889 kaj atingis la alprenon de unuformaj reguloj por la nomigo de la specoj kaj reprezentado de la figuroj. Oni formis « Inter-

(1) Laŭ la statistikoj publikigitaj de tiu sekretariejo 9.096.000 laboristoj estas membroj de sindikatoj en 19 landoj de Eŭropo kaj Ameriko ; 5.944.000 aniĝis al la organizaĵoj aliĝintaj al la sekretariejo.

(2) La suma valoro de la domoj poseditaj de la diversaj grupoj estas proksima al 120.000.000 Sm.

GEOGRAFIO

## Skizoj el Irlando (1)

### III.

S-ro W., mia gastiganto, ne estas fervora vizitanto de preĝejoj, sed li jus ricevis de pastro de la najbarajo peton pri mona helpo. Li do decidis partopreni en la diservo la venontan dimanĉon. Kiam venis la horo, mi akompanis lin. Kia ĉarma preĝejeto sur herbejo, ĉirkaŭita de antikva muro kaj ombrumita de altaj arboj. La herba tapiŝo estas superŝutata de grandaj lekantoj florantaj inter grizaj tombŝtonoj kun krucoj kaj duone elviŝitaj surskribaĵoj. Granda rozujo enkadras la pordegon de la preĝejo, kaj grupoj de gejunuloj staras apude atendante la komencon de la diservo. Ni eniras, kaj la pastro venas al ni renkonte por nin saluti kaj konduki nin al niaj lokoj. La diservo estis laŭ la anglika rito : longa liturgio plena je ripetoj kaj mallonga prediko. Revenante hejmen mia hunulo klarigis al mi la situacion de la irlanda eklezio ; ne estas malsameco inter ĝi kaj la angla rilate al la dogmoj ; la sola diferenco ekzistas en la socia stato, ĉar la irlanda eklezio estas neregistara de l'tempo, kiam la granda ministro Gladstone ĝin liberigis.

La ĝentileco de mia amiko ne kontentiĝis je propra gastemeco : li rekomendis min al unu el siaj amikoj, kaj mi povis fari alian restadon en alia parto de Irlando. Transportu vin kun mi je tridek mejloj oriente de Belfast, en la graflandon *Down*, sur la bordo de la Irlanda maro. Tie kuŝas urbeto nomita Ardglass, kaj en ĝia mezo, elstarante super ĝi, kastelo kun la *Union Jack* agitiĝanta en la aero. En tiun kastelon ni eniru. Ĝi estas la loĝejo de mia nova gastiganto.

Estas la horo de la vespermanĝo. Ĉe la tablo sidas dekdu personoj, ĉar krom la familio kaj mi estas ankoraŭ ses gastoj invititaj por la *week end*, t. e. por pasigi tie sabaton ĝis lundo. La ĝentileco de la dommastrino estas tiel alloga, ke ĉiusemajne la gastaro renoviĝas. Ĉiu nun rakontas siajn farojn dum la tago. La junuloj banis en la maro frumatene, post tagmanĝo ili ludis je *golf* sur la krutaĵoj ; la plenaĝuloj promenadis en la parko, trinkis teon kaj babiladis sur la teraso, samtempe ĝuante la belan vidaĵon de la urbo, haveno kaj plena maro.

Kiam la societo, fininte la manĝon, iris sidi sub la portiko, mia gastiganto prenis mian brakon kaj kondukis min ekstere, por montri al mi la belaĵojn de sia bieno. La varmejo kun siaj alilandaj kreskaĵoj kaj belaj maturaj persikoj nin haltigis nur mallonge, ĉar mia kondukanto deziris vidigi al mi siajn stalojn kaj ĉevalojn. Tiuj ĉi estis lia ĉefa kontentiĝo kaj fieriĝo, la rekompenco por la penadoj de lia komercista klopodo. Kaj mi efektive admiris la perfektan aranĝon de la lokoj, la belan teniĝon de la bestoj. Apud la stalo estis la veturilejo. En ĝi mi vidis la grandan kaleŝon, kiun kvar ĉevaloj promenigas tra la kamparo, kaj ankaŭ irlandan duradan veturilon, sur kiu po du veturantoj sidas flanke, dorso kontraŭ dorso. « Mi ĉiam, diris la posedanto, preferos la veturadon per ĉevaloj ol la motoradon. Ho, kiel oni povus preferi maŝinon ol inteligentan amikan ĉevalon ! Cetere la ĉevaledukado estas nacia irlanda industrio ».

La postan tagon mi eliris sola por pli bone ĝui la pejzaĝon. Mi supreniris la krutaĵojn, kiuj altestaras super la marbordo kaj estas kovritaj per delikata herbaro, la paŝtaĵo de multaj ŝafoj tie disĵetitaj. Kuŝiĝinte en la ombro de ŝtonego, mi lasis mian rigardon vagadi sur la senfinan lazurbluan supraĵon de la maro. Jen, ĉe la horizonto preterpasas granda vaporŝipo alveturonta Amerikon ; pli proksime barkoj de fiŝkaptistoj kun brunaj veloj kvazaŭ procesie sin aldirektas al la haveno por elŝipigi la noktan kaptitaĵon ; kaj ĉe miaj piedoj, sur la nigraj rokoj, en la profundaĵo, la ondoj bruege rompiĝas, postlasante akvujetojn, en kies fundo brilas arĝentkoloraj konkaĵoj, dum, meze de la herboj, kiuj min ĉirkaŭas, faskoj da rozkoloraj diantoj sur longaj trunketoj tordiĝas sub la blovo de la mara vento. Mi nur malfacile min forŝiris de tia belega scenejo.

« La ĉefa okupado de la ĉitiea loĝantaro, diris al mi mia gastiganto, iun matenon, estas la kaptado de haringoj. Ne preterlasu iri al la haveno por vidi la elŝipigon de la fiŝoj ». Sekve mi malsupreniris al la kajo. La ŝipoj estis jam albordiĝintaj, tre nombraj, tridek almenaŭ. Mi pli speciale observis unu el ili nomitan « Primrose ». Ĝia kelo estis plena je haringoj. La homoj ilin altigis sur la kajon. Tie aro da virinoj ilin akceptis, purigis, saligis kaj fine metis en barelojn. Ho, kia multego da fiŝoj brilantaj en la sunbrilo kiel arĝento ! Kaj efektive ili valoris arĝentan monon por la kaptistoj, ĉar tiu ĉi ununokta kaptaĵo, oni diris al mi, metos 200 Sm. en ilian poŝon. La tiel enbareligitaj fiŝoj iros en ĉiujn landojn por helpi la homan nutradon.

Post tiu ĉi agrabla restado en Ardglass, mi revenis Belfaston kaj reenŝipiĝis por reiri Anglujo. Dum la ŝipveturado, promenante sur la ferdeko, mi pripensis la sorton de la irlanda insulo. Ĝi estas milita akiraĵo de Anglujo. La almilito komencita en la 12-a jarcento de la reĝo Henry II finiĝis en la 17-a, kiam Oliver Cromwell per rimedoj laŭtempe kruelaj submetis la lastajn ribelantojn. La rezulto por la nuntempo estas, ke la lando plejgrandparte troviĝas la posedaĵo ne de la praloĝantoj, sed de la fremdaj okupantoj kiuj ĝin regas per siaj leĝoj. Tamen dank'al la liberaleco de la moderna angla politiko, tiu ĉi nenormala situacio iom post iom aliiĝis kaj pliboniĝis. Sed la postulo de la ekstrema irlanda partio pri *home rule* ne estas ankoraŭ konsentita. Ĉar la granda liberala ministro Gladstone malsukcesis en sia klopodo por tiun ĉi efektivigi, oni ne antaŭvidas la realigon antaŭ longe.

S-ro Caumont (Lausanne).

## La Indiano de Nord-Ameriko (1)

### II

*La ekonomia demando.* — Oni diras, ke la « civilizeco » montriĝas nek per libereco, nek per demokrateco, nek per religia kulturo, sed per la materia progreso. La Amerika

---

nacian Ornitologian Komitaton ». La fiziologiistoj, krom siaj ĉiutrijaraj kongresoj, posedas du internaciajn esplorlaboratoriojn « Instituto Marey » kaj la « Laboratorio de Mont-Rose », La anatomiistoj grupiĝis en asocio kaj fondis « Internacian Komitaton por la cerbaj esploroj ». La ĥemiistoj internacie kunvenas tiel pri pure sciencaj esploroj kiel pri multaj industriaj aplikoj. Laŭ ilia iniciato estas formitaj internaciaj komisionoj por la unuecigo de la analizaj metodoj de la nutraĵoj kaj de la petroloj.

Fine, la plej altaj sciencaj aŭtoritatoj de l'mondo fondis la « Internacian Asocion de l'Akademioj », kiu donas sian apogon aŭ aprobon al memstaraj entreprenoj, kiel Instituto Marey, aŭ al entreprenoj de universala signifo kiel la katalogo de la sciencaj eldonaĵoj, la represo de la verkoj de Leibnitz, ktp.

H. La Fontaine.

*(Daŭrigota)* Senatano, Ĝenerala Sekretario de la Centra Oficejo de la Internaciaj Institucioj.

(Trad. A. R.).

(1) Vidu *Esperanto* de 20 decembro kaj 5 februaro.

(1) Vidu *Esperanto* de 5 februaro.

Indiano ne havas tiun lastan profiton, aŭ, pli ĝuste, li neniam penis ĝin havi. Li estis konvinkita, ke la malhonesteco kaj la monavido venas de la amasigo de la bienoj, ke aliparte la urbegoj estas nenormalaj kaj kaŭzas multajn malbonojn tiel fizikajn kiel moralajn. En la « civilizita » vivo, kontraŭnatura kaj komplika, la sovaĝula filozofo ekvidis danĝerojn, kiujn li eĉ ne provis kontraŭbatali. Plie la religia instinkto estis tiel profunda, ke li rifuzis ŝanĝi la aspekton de la naturo, kapti ĝiajn fortojn por sia uzo aŭ por sia plezuro. Malpurigi la riverojn, ebenigi la montetojn, estis por li tiom da kontraŭdiaj atencoj. Li ne volis tiamaniere akiri la bonfarojn de la civilizeco. La Indiano malmulte zorgis pri terkulturo. Por certigi sian nutradon, li preskaŭ nur fidis al la naturaj produktoj de la lando. Li precipe vivis el la produktoj de la ĉaso, el tritiko, rizo, fruktoj, diversaj radikoj. La nutraĵo estis egalporcie dividita ĝis la tago kiam ĝi fariĝis abunda. Tiam, la virinoj komencis konservi la buŝprovizajojn por la vintraj monatoj. Ili sekigis ilin ĉu sur fajro, ĉu sub la suno ; la resto de la rikolto estis ordinare kaŝata en taŭga loko, ĉar kvankam preskaŭ ĉiuj gentoj estis vagemaj, iu difinita familio aŭ klano tamen okupis certan regionon. La Indianoj de la herbejoj okupis pli vastan teritorion, ol la arbaraj Indianoj. Tamen, iliaj nutrorimedoj estis malpli diversaj. La amo al la riĉajoj estas konsiderata kiel virineca ĉe la militistoj ; tial la virino posedas ĉiujn bienojn ; la edzo havas nur siajn vestojn kaj armilojn. Ĉiu komerca demando, eĉ simpla negoco, estas afero nekonata. Nia popolo estis malavara ĝis nezorgemo ; ĉion, kion ĝi havis, ĝi metis al la dispono de la malriĉuloj aŭ de la fremdulo. La virinoj faris kaj ornamis ĉiujn vestajojn kun rimarkinda arto kaj laŭ la modo de la gento ; ili ankaŭ tanis la haŭtojn bezonatajn por tiuj vestajoj. La tendoj estis konstruataj per la helpo de diversaj materialoj : junkoplektaĵoj, betulŝeloj, bubalhaŭtoj, ĉio preparita de la virinoj. La boatoj estis farataj de viroj kaj virinoj ; la viroj solaj fabrikis la pipojn kaj armilojn, kaj, krom en gravaj okazoj, okupiĝis pri la ĉasado kaj fiŝkaptado. La virinoj prilaboris la teron kaj semis maiz- aŭ rizbedojn ; ili kolektis la bedfruktojn, elŝiris la radikojn, preparis la acersukeron kaj fabrikis korbojn. La kovriloj kaj la tervazoj estis faritaj de viroj aŭ de virinoj, la viroj ĉizis la lignajn vazojn aŭ prilaboris kulerojn el ligno, osto, eburo kaj konkajoj. La labordivido inter ambaŭ seksoj estas tre natura ; ĝi tute ne estis maljusta. Ni ne forgesu, ke en tia societo ne estas loko por mallaboremuloj. Al la viroj estis rezervitaj la laboroj postulantaj la plej multe da laciĝo, kiel milito kaj ĉasado. La virinoj zorgis pri mastrumado kaj alportado de ligno kaj akvo. Poste, venis la blankulo, kies armiloj estis pli potencaj, la laboriloj pli perfektaj, kaj kiu kunportis novan komprenon pri industrio kaj komerco. Tiam pligrandiĝis kaj sistemiĝis la simplaj laboroj de la enlandulo, kiam li ekobservis aŭ instruiĝis ; tiam kelkaj « duoncivilizaj » industrioj povis naskiĝi. La teksado de kovriloj kaj la brutedukado fariĝis tre gravaj en sud-okcidento, kiel ankaŭ la fabrikado de acersukero ĉe la Ogiboj.

*Religio.* — La religio de la Amerika Indiano estis ordinare malbone komprenata ; rilate al tio estas kulpaj tiel la silento de la enlandulo kiel la netoleremo kaj antaŭjuĝoj de la fremdulo. De sia infaneco la Indiano lernis, ke la « Granda Mistero » estas sanktega kaj neesprimebla, ke la Spirito trapenetras la Universon en ĉiuj ĝiaj fazoj, kaj ke la naturo povas esti nek perfortata, nek difinata per vortoj. La Indiano kulturis sian animon kaj inteligenton, tiel ke li sentu, aŭdu kaj vidu Dion tra la naturo. Li sciis diferencigi la prudenton kaj la spiriton, kaj kvankam li konfesis la superan inteligentecon de la homo, la instinkto de la naturo instigis lin kredi je io mistera kaj dia. Li havis absolutan fidon je la senmorteco de la spirito, kredante, ke la « Granda Mistero » enblovis parton de si mem en ĉiun homan korpon. Fasti, iri sola al izolita loko, se eble al montosupro, reprezentis la plej altan koncepton de la preĝo. Ekzistis dua formo de preĝo, kiu rilatis al la materiaj bezonoj ; la Indiano tiam petegis sian Patron la Suno, sian avon la Ŝtonegon aŭ la spiritojn de la bestoj, ke ili helpu lin. La rito de tiu kulto estis pure simbola. La enlandulo kredis je la interveno de la animoj de l'mortintoj ; emblemaj objektoj estis uzataj kiel talismanoj , sed ne kiel idoloj. La religia instruado estis plenumata de la virino, precipe de la patrino. Tiu ĉi por pliigi la spiritajn emojn de la infano eĉ antaŭ lia naskiĝo, vivis nur kun puraj kaj noblaj pensoj en la solajoj de la naturo ; poste ŝi dolĉe parolis pri la submetiĝo, kiun oni devas havi antaŭ la nevideblaj Potencoj. Unuvorte, tiu simpla religio estis pli spirita ol dogma ; ĝi karakteriziĝis per sentoj de humileco, respekto kaj sindono.

*Leĝo.* — Estis malfacile ŝanĝi la neskribitajn leĝojn de la gentoj ; oni ilin malofte malobeis. La puno de la krimulo estis certa. La enlanduloj. oni tion ne forgesu, neniam toleris diboĉan vivon ; en multaj okazoj ili konformiĝis al severaj reguloj kaj praktikis senmankan moralecon. Oni neniam ĉe ili permesis dubajn rilatojn inter malsamseksuloj De la deka aŭ dek-dua jaro, la geknaboj ne plu povis kune ludi. Junulo povis paroli al junulino, nur se li celis edziĝi kun ŝi. Oni ne toleris, eĉ inter gefratoj facilajn ŝercojn, sed oni ĉiam postulis certan dignecon. Oni ne povis edziĝi kun virino de la propra klano. La naskado estis konsiderata kiel mistera kaj sankta dono, kiun Dio faris al la homo. Dum la gravediĝo la virinoj havis privilegian situacion. La honoro de la junulinoj estis severe gardata de generacio al generacio. La ĉiujara « Festo de Junulinoj » celis instigi al pureco. Laŭ moro de la Sioux, la viro rajtis publike forpeli sian virinon, se en la momento de edziniĝo ŝi estis malvirga.

La plureco de la virinoj estis permesata en la nomada vivo, sed ne sen kondiĉoj. Jen kial : niaj junuloj gloramaj kaj batalemaj amase falis en la militoj, ne lasante idojn. Plie, laŭ malnova moro, la infanoj de sola virino estis limigitaj je kvin, kelkaj mortis antaŭ la maturaĝo, tiel ke la loĝantaro malmulte aŭ tute ne kreskis. Tiam estis starigataj la jenaj principoj : La viro plej kapabla fizike kaj inteligente havas pli ol unu edzinon : tiuj edzinoj estos fratinoj ; la interesatoj mem interkonsentos pri tio, sed estas preferinde, ke la proponon faru la parencoj de la edzino. Tiel, la sango de la familio ne estus miksita, kaj tiu edziĝo samtempe honorinda kaj feliĉa.

La kuracistoj estis publikaj servistoj ; ili neniam postulis honorarion ; dum la tempo kiam oni ignoris la sistemon de la negocoj ili faris grandajn servojn al la komunumo. La plimultaj el ili estis herbistoj ; iliaj kuraciloj estis plantoj, kies efiko estis konata ; aliparte ekzistis multaj apartaj « resanigistoj », kiuj por kuraci fizikan malsanon aplikis moralan kuracilon. Por allogi la atenton de la malsanulo, ili uzis muzikon, vaporobanojn. La ĥirurgio restis nekonata.

Antikve, oni konsideris la militon nur kiel rimedon por ekzerci la virajn kvalitojn. La malnovaj Indianoj malofte rabis aŭ malliberigis. La pli multo el la klipligoj de la kadavroj estis faritaj je posta epoko. La Amerika Indiano estis rimarkinda pro sia lojala amikeco ; li sciis resti fidela kamarado ĝis la morto. Kulturon la enlandulo certe ne havis sed li estis logika kaj klarvidema, kiel montras liaj paroloj kaj ordonkvalitoj. Liaj infanoj lernis obeon. Silento, memregemo, rezignemo estis la bazoj de la morala eduko. Ekzistis arbara lernejo, kie la junuloj ekzercis la korpon kaj spiriton per la sportoj, la manindustrioj, la studo de la naturo, la lignaj laboroj kaj profunda kono de la historio, de la tradicioj kaj de la popolaj legendoj de l'gento. Mi jam iom parolis pri la situacio de virino. La patrino estis familiestrino ;

nenio grava okazis sen ŝia aprobo. Oni akceptis la virinojn en la loĝion de la kuracistoj ; iafoje ili sidis inter la konsilantaro. Kelkaj gentoj havis virinojn kiel estrojn.

(*Daŭrigota*). D-ro Ch. A. Eastman (Amherst).
Trad. (1) A. R.

---

## Baŝkiroj

Antaŭ nelonge estas presita en *Esperanto* mia alvoko pri monoferoj por ĉi tieaj malsatuloj, el kiuj plej suferas la baŝkiroj ; tiu popolo estas mahometana de « türka » gento, ĝi loĝas ĉe la okcidenta flanko de Urala montaro, precipe en Ufa'a gubernio kaj nun oni nombras da tiu ĉirkaŭ duono da miliono. Oni asertas, ke la baŝkiroj degeneras. Nun al nia regiono venis fama rusa verkisto-publicisto S-ro J. J. Jasinskij por esplori la malsaton de tiu popolo. Ĉar pro mia alvoko mi ricevas multe dankindajn monoferojn de bonaj samideanoj, mi kredas, ke la priskribo de tiu popolo interesos kelkajn, tial mi ĉi sube tradukas la artikolon de la nomita verkisto, presitan en la « Birĵevia Vedomosti » N-o 300.

Mia nervaro estis treege streĉita.

— Bonvolu sidiĝi, invitis min *mulla* (mahometana pastro) Gizjatullin.

En la hejmo de *mulla* estis pretigita de la gastemaj mastrinoj baŝkira temanĝo kun kremo, kun du specoj de l'butero, kiun oni manĝas per kuleroj kiel glaciaĵon, — kun acida berkonfitaĵo, tritika pano, tilia mielo, neevitebla « ĉak-ĉak (nacia bakaĵo), kringoj kaj kukoj. Sed malaperis la apetito. Ĉirkaŭe, rememorante, staris antaŭ mi kaj moviĝis malsataj ombroj kun okuloj plenaj je malespero, teruro kaj sopiranta atendo.

— Bonvolu manĝi ! ne ofendu la malriĉan homon, kiu ne trovas vortojn por diri kiel li estas kontenta ĉar vi venis kaj rigardis nian malsaton ! Tre malbona malsato ! Ĉu ne ? Nu kion vi diras, amiko ?

Enpensiĝinte mi rigardis antaŭ mi. La pensoj disflugis, ia neplorebla histerio turmentis mian animon. Fine mi demandis :

— Ĉe vi okazis bruloj... La lasta estis antaŭ 4 jaroj... Sed diru, *mulla*, dum ĉi tiuj jaroj ĉe vi sukcesis bonaj rikoltoj, mi tion scias, kial do nenion ŝparis ĉi tiuj malfeliĉaj kamparuloj ?

— Oni ĉion manĝis, la brutaron buĉis !

— Nun ĉion formanĝis kaj buĉis ĉevalojn, jes. Sed ja ne nudaj estis ili, kiam venis malsato ? Tiel ne estas eble konsumi vestojn dum tri jaroj, kiel subite dum tri monatoj konsumiĝis la tuta vestaro, eĉ bubinoj kaj virinoj estas ne vestitaj.

— Estas vero ! ekkriis Gizjatullin. Vi deziris diri, ke la popolo estas mallaborema. Ho, vi tre eraras. Ne, skribu tiel : malriĉa popolo. Oni disvendis vestaron por nutri infanojn. Unu havas 5 knabojn, alia 5 knabinojn, tria havas avon. Se mankus manĝejo, duono da loĝantaro pereus !

*Mulla* estas granda patrioto kaj defendas sian Kaltaevon peneme kaj elokvente. Sed post kelka tempo, kiam mi traveturis vicon da vilaĝoj kaj pli bone eksciis la popolon, konatiĝis kun ĝia karaktero, kutimoj, moroj kaj inklinoj, mi konkludis, ke miaj duboj koncerne la ĉefan kaŭzon de baŝkira malriĉeco, eĉ de la plej ekstrema mizero, estas plimalpli veraj.

La baŝkiro estas bonanima, agrabla kaj servema homo. Li estas servema sen flato. Li estas bonanima de naskiĝo, li havas multe da ennaskita humaneco. De tio devenas lia gastemo senfina. La gastoj estas eĉ kiel la « egipta puno » por la baŝkiro. Gasto pakas siajn kusenojn, aljungas ĉevalon kaj ekveturas por gastviziti iun. Inter parencoj kaj bonaj konatoj la ĝentileco postulas gasti ne malpli al 6 tagojn. La gasto manĝas, trinkas, nenion laboras, senpage nutras sian ĉevalon kaj babilas kun gemastroj, kiujn li per tio ankaŭ igas al senlabora vivo, je kio tiuj tre ĝojas. Ĝis kiam ankoraŭ iom restas en provizo la baŝkiro eĉ sian fingron ne ekmovos.

Li ne ŝatas labori. La tutan laboron li komisias al sia familio. Edzino aŭ du, aŭ tri da tiuj, demetas de li botojn, senvestigas kaj vestigas, kuŝigas sur la kusenojn, trinkigas teon « ĝis sepa ŝvito ». La termastrumajon baŝkiro faras sendezire. Li plendas, ke ne sufiĉas terspaco kaj ĝi ne bone fruktoportas. Sed se li havas sufiĉe da terspaco, li rapidas farmdoni ĝin por du-tri jaroj kaj je la ricevita mono li aĉetas « kunganojn » (nacia metala alta kruĉo), tapiŝojn, kolorajn ĉemizojn, multkolorajn skarpojn, porcelanan vazaron, lampojn kaj lampŝirmilojn. Li ŝatas horloĝojn, vekilojn, temaŝinojn, kaj ornamas siajn edzinojn per argentaj kaj kupraj ornamsignoj. Pri la morgaŭa tago li ne pensas. Tre ofte okazas, ke la baŝkiraj vilaĝkomunumoj ricevas milojn da Sm por la terspaco, kiun ili subite konsideris superflua kaj vendas al enmigrintoj, restigante al si malpli ol duonon. La monon ili dividas inter si. Sed malofte iu el tiuj konstruos novan kabanon aŭ riparos la malnovan. Neniu pensas pri bonaj plugiloj kaj aliaj terkulturaj maŝinoj. Sed ĉiuj komencas drinki « kisluŝkon (abomena drinkaĵo, en kiun oni metas eĉ tabakon), aĉetas malkarajn ornamojn por la edzinoj, revas pri gramofono, arĝenta horloĝĉeno kaj trinkas per unu fojo po sitelo da « kumiso » (fermentita ĉevallakto). Dume ĉiu efektive ricevas ne multe da mono. Ordinare vilaĝo jam sukcesis fari grandegan ŝuldon al iu senhonta butikisto el rusaj entreprenemaj homoj. Tiel estas vilaĝoj, kiuj ŝuldas por diversa maldelikata komercaĵaĉo, kiel ekz. kolormakulita katuno, horloĝvekiloj, lampŝirmiloj (iafoje eĉ silkaj) kaj ĉio, kio jam ne estas moderna en malproksimaj urboj, ĝis 40 miloj da Sm.

(*Daŭrigota*). J. J. Jasinskij,
Trad. N. Foss (Del. Ufa.)

---

(1) El raporto prezentita ĉe la Unua Universala Raskongreso. La aŭtoro de tiu raporto estas men Indiano.

INDUSTRIO

## La transkontinentaj Afrikaj fervojoj

La konstruado de la fervojoj tra Afriko, tiel de la nordo al la sudo, kiel de l'oriento al la okcidento, ilia projektigo kaj realigo prezentas nedubeblan intereson.

Ekzistas nun kvar projektoj, kiuj havas malsaman longecon, varian utilecon kaj certe ricevos ankoraŭ multajn modifojn antaŭ sia definitiva konstruado.

Tiuj projektoj estas : 1. La projekto de Cape (Kap-Urbo) ĝis Kairo, 11.000 km. ; 2. La germana-belga projekto de Matadi al Dar-es-Salam, 3 700 km ; 3. La germana projekto de Dar-es-Salam al Kameruno, 5.000 km. ; 4. La franca projekto de Alĝero-Mombasa tra Uganda aŭ Transsaharano. 7.500. Ni nun ekzamenu la nunan situacion de ĉiu el ili.

*Fervojo Cape-Kairo.* — Tiu giganta projekto elvokas al la spirito la nomon de ĝia genia iniciatinto, Cecil Rhodes, kiu je la fino de la lasta jarcento elmetis la imperiistan ideon rele kunigi, tra la regionoj de alta Nilo kaj alta Kongo, malaltan Egiptujon kun la kolonioj de Sud-Afriko. Se ne estus interrompo de ĉirkaŭ 200 km. en la regiono de Tanganika, tiu fervojo estus plene konstruata sur angla aŭ anglo-egipta teritorio, konforme al la primitiva projekto. Por forigi tiun malfacilaĵon okazis en 1894 interkonsento kun Kongolando, laŭ kiu Anglujo lue ricevis rubandon de teritorio laŭiranta la orientan landlimon de Kongo. Sed tiu aranĝo estis forlasata pro la protestoj de Germanujo. De tiam la problemo restis sen solvo. Por ĝin solvi la du ekzistantaj partoj devos peti la pasadon ĉu tra la belga, ĉu tra la germana teritorio Antaŭ ol la konstruistoj alvenos al tio, estas eble, ke belga entrepreno, nun en fondiĝo, plenumos la kunigon de la du partoj. Tiu kunigo estas pli proksima al realiĝo ol oni ĝenerale pensas. Ĝi povus esti liverata al ekspluatado post

dek jaroj. Efektive, sude ĝi estas konstruita aŭ konstruata de Cape ĝis Stanleyville, t. e. 5 500 km. La relo estos baldaŭ je Kambove, en Katanga, kaj la linio estas dekretita ĝis Bukama. Restas do por konstrui nur 1.200 ĝis 1.500 km., de Stanleyville al la lago Alberto.

La tuta linio Cape-Kairo estis iam konsiderata kiel sonĝaĵo. La egiptaj okazintaĵoj kaj la lokaj postuloj faris, ke sinsekve diversaj el ĝiaj partoj estis kunigataj, ĉu per reloj, ĉu per ŝipo. Post kelkaj jaroj la sonĝaĵo fariĝos realaĵo, sendube multe pli rapide ol Cecil Rhodes mem povis esperi.

*De Matadi al Dar-es-Salam.* — Inter la enfluo de Kongo kaj la marbordo, kontraŭ Zanzibar, la Afrika kontinento rektlinie mezuras nur 3.000 km. La studoj de la Konga fervojo estis entreprenitaj en 1887. Oni ellaboris en Matadi je 1890, kaj ĉe la Hinda Oceano, en Dar-es-Salam, je 1904, supozante nek okcidente, nek oriente, ke oni komencis la konstruon de trans-afrika fervojo. Ĉe la belga flanko, la transportoj jam regule fariĝas ĝis Lusambo, per la navigebla riverbrako Kongo-Kasi-Sankuru kaj tra la Tanganika lago. Krom tio oni laboras je la fervoja fragmento, kiu laŭdas la valon Lukuga, inter Kabalo kaj Albertville (260 km.). Ĉe la germana flanko, oni intencas atingi Tabora en 1913 (850 km.). La finigo de la linio ĝis Uĝiĝi, kvankam ne ankoraŭ voĉdonita de la Reichstag, povas esti konsiderata kiel certa fakto. Sekve, el la tuta trans-afrika fervojo mankos nur interrompo da 400 km. La fervoja koncesio por ĝin malaperigi estas petita, antaŭ unu jaro, de grupo de inĝenieroj, kiuj nur atendas la decidon de la registaro por ellabori. Tiamaniere la konstruo de l'trans-Afrika fervojo de Matadi ĝis Dar-es-Salam jam estas je la lasta fazo de sia realiĝo.

*(Daŭrigota).* D-ro J. JACOT GUILLARMOD,
trad. (1) A. R.

---

## NOTOJ

∴ La 4. junio okazos en Londono, laŭ invito de la angla registaro la internacia konferenco por la senfadena telegrafado. Estos reprezentataj ĉiuj regnoj subskribintaj la Berlinan traktaton. La nombro de la stacioj por senfadena telegrafado sur la tuta terglobo estas ĉirkaŭ 1.100, el kiuj troviĝas 243 en Usono, 93 en Granda Britujo, 83 en Germanujo, 58 en Rusujo, 40 en Francujo kaj 51 en Kanado. Sur komerc̆ŝipoj estas entute 869 stacioj, el kiuj 350 apartenas al Granda Britujo, 295 al Usono, 143 al Germanujo, 35 al Nederlando kaj 31 al Francujo. En Germanujo, ekzemple, la ĝenera interŝanĝo de senfadenaj telegramoj estis 11.738 kun 281.000 vortoj, el kiuj la ŝipstacioj ricevis 5.192 forsendis 6.546. D. W.

∴ De januaro ĝis novembro 1911 elmigris al Argentino 188.608 personoj, el kiuj 81.313 hispanoj, 50.973 italoj, 19.689 francoj, 11.456 angloj, 10.529 braziloj, 6.471 germanoj, 3.792 aŭstrianoj, 1.627 nederlandanoj, 1.176 portugaloj, 398 belgoj, 1.134 diversaj.

∴ Laŭ lasta statistiko ekzistis en Granda Britujo 669 Trade-Unions (Metiaj Unuiĝoj kun 2.017.656 membroj, el kiuj preskaŭ 2 milionoj estas en Anglujo. La suma rento de tiuj societoj atingis 32.000.000 Sm., en 1910.

∴ La Internacia Oficejo de la Paco en Berno ricevos de nun jaran monhelpon da 48.000 Sm. el la fondaĵo Carnegie. Ĝia duonmonata bulteno de nun aperos en tri eldonoj, angla, franca, germana.

∴ Aviado komencas serioze disvastiĝi en Brazilujo. La itala aviadisto Darioli la unua flugis super Rio de Janeiro. El sia aviadilo Darioli ĵetis al la Prezidanto de la Respubliko salutleteron, en kiu li rememorigis kiom aviado ŝuldas al la Brazilano Santos Dumont. (Q. de O.)

∴ La dana ministro de la financoj submetis al la deputataro leĝoprojekton, kiu konsentas 99-jaran koncesion al sindikato de potencaj bankoj por la konstruo kaj ekspluato de granda haveno kun dokoj en S. Tomas (Danaj Antilioj). Tiu insulo ĝuas favoregan situacion sur la nova vojo al Panama kanalo kaj oni opinias, ke ĝi povos fariĝi komerca centro same kiel Singaporo post la malfermo de la Sueza kanalo.

∴ Konferenco pri Opio okazis en Hago. Sekve de ĝi estis subskribata internacia konvencio, al kiu aliĝis Germanujo, Usono, Ĥinujo, Francujo, Britujo, Italujo, Japanujo, Nederlando, Persujo, Portugalujo, Rusujo, Siamujo.

---

## OKAZONTAĴOJ

*Aprilo* (7-14). — Dudeksesa internacia kongreso de la orientistoj en *Ateno.*

*Aprilo* (11). — Sepa internacia kongreso por Tuberklozo en *Romo.*

*Aprilo* (16-19). — Kongreso de eksperimenta psikologio en *Berlino.*

*Aprilo* (22-25). — Tria internacia kongreso de Konstruado kaj Publikaj Laboroj en *Romo.*

*Majo* (5-8). — Dua internacia kongreso de domposedantoj en *Berlino.*

*Majo* (7-17). — Naŭa internacia konferenco de la ruĝa kruco en *Washington.*

*Majo* (26-28). — Dudekkvina internacia kongreso de Novfilologoj en *Frankfurt-.a-M.*

*Majo* (26-28). — Internacia konkurso de muziko en *Parizo.*

*Junio.* — Internacia kongreso de artistoj en *Parizo.*

*Junio* (4). — Konferenco por senfadema telegrafado en *Londono.*

*Junio* (4-11). — Dekoka konferenco de Kristana Unuiĝo de Junaj Viroj en *Helsingfors.*

*Junio* (28-1 julio). — Sesa federacia festo de Sokoloj (gimnastikistoj) en *Praha.*

*Julio* (16-22). — Tridekdua federala festo en *Neuchâtel.*

*Julio* (22-10 aŭg.). — Sesa internacia kurso de komerca disvastiĝo en *Antverpeno.*

*Aŭgusto.* — Internacia matematika kongreso en *Cambridge.*

*Aŭgusto.* — Dudektria Eŭkaristia kongreso en *Vieno.*

*Aŭgusto* (6-12). — Deksepa internacia kongreso de medicino en *Londono.*

*Aŭgusto* (22-27). — Dua internacia kongreso por morala edukado en *Hago.*

*Septembro.* — Sesa kongreso de la internacia Asocio por la provoj de konstruaj Materialoj en *Washington.*

*Septembro.* — Dekoka internacia kongreso de la Amerikanistoj en *Hago.*

*Septembro.* — Internacia kongreso de antropologio en *Ĝenevo.*

*Septembro* (4). — Sesa internacia Maria'ana kongreso en *Trier.*

*Septembro* (6-13). — Internacia kongreso de aplikita ĥemio en *Washington* kaj *New-York.*

*Septembro* (9-12). — Internacia kongreso por la historio de la religioj en *Leiden* (Nederlando).

*Septembro* (10-12). — Sepa ĝenerala kunveno de la internacia unuigo por leĝa laborista protektado en *Zürich.*

*Septembro* (22-29). — Internacia kongreso de higieno kaj demografio en *Washington.*

*Septembro* (24-28). — Internacia kongreso de la komercaj ĉambroj en *Boston.*

*Oktobro* (16-21). — Internacia kongreso de la historio de arto en *Romo.*

∴

*Aprilo-Septembro.* — Bavara metia ekspozicio en *München.*

*Majo-Oktobro.* — Angla-Latina ekspozicio en *Londono.*

C. O. DE U. E. A.

---

(1) El *Gazette de Lausanne.*

## LITERATURA PAĜO

FELIETONO

# La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

La 19-an de aprilo.

Dankon por viaj du leteroj. Mi ne respondis, ĉar mi retenis tiun ĉi folion (1), ĝis kiam mia eksigo de la kortego alvenis; mi timis, ke mia patrino sin turnos al la ministro kaj malfaciligos al mi mian intencon. Sed nun okazis, mia eksigo alvenis. Mi ne deziras diri al vi, kiom malvolonte oni donis ĝin al mi kaj kion la ministro skribis al mi; vi eklamentus denove. La princheredonto je la eksigo sendis al mi dukek kvin dukatojn kun parolo, kiu tuŝis min je larmoj; do mi ne bezonas de la patrino la monon, pri kiu mi skribpetis antaŭ nelonge.

La 5-an de majo.

Morgaŭ mi foriros de tie ĉi kaj, ĉar mia naskiĝloko kuŝas nur ses mejlojn de la vojo, mi deziras ankaŭ ĝin revidi, deziras rememori la malnovajn, feliĉe trarevitajn tagojn. Ĝuste tra tiun pordon mi eniros, tra kiu mia patrino kun mi elveturis, forlasante la intimajn ejojn post la morto de mia patro por enkaĝigi sin en urbon netolereblan. Adiaŭ, Vilhelmo, vi aŭdos pri mia iro.

La 9-an de majo.

Mi finis la migradon al mia naskiĝejo kun ĉia pieco de pilgrimanto, kaj multaj neatenditaj sentoj min tuŝis. Apud la granda tilio, kiu staras kvaronhoron de la urbo al S..., mi haltigis, eliris kaj igis la poŝtiston forveturi por piedirante ĝui ĉiun memoron tute nove, vive, laŭ mia koro. Jen mi staris sub la tilio, kiu antaŭe, kiam mi estis knabo, estis celo kaj limo de miaj promenadoj. Kiel malsame! Tiam en mia feliĉa malklereco mi deziris eliri en la nekonitan mondon, kie mi esperis por mia koro tiom da nutraĵo, tiom da ĝuo, por plenigi kaj kontentigi mian celantan, sopirantan bruston. Nun mi revenas el la vasta mondo — ho amiko mia, kun kiom da disbatitaj esperoj, kun kiom da ...

malsupren de la rivero ĝis ia farmobieno; tio alitempe ankaŭ estis nia vojo, kaj la ejoj, kie ni knaboj ekzercis nin naski plej multe da saltoj de plataj ŝtonoj en la akvo. Mi tiom vigle memoras, kun kiel mirindaj supozoj mi, iafoje starante kaj rigardante, sekvis la akvon, kiel aventuraj mi prezentis al mi la regionojn, kien ĝi nun fluos, kaj kiel baldaŭ mi trovis tie limojn de mia fantazio; kaj tamen ĝi devis flui pli malproksimen, ĉiam pli malproksimen, ĝis kiam mi tute perdiĝis en la rigardado de nevidebla malproksimeco. — Vidu, karulo, tiel limigitaj kaj tiel feliĉaj estis la majestaj prauloj! Se Ulikso parolas pri la nemezurita maro kaj pri la senfina tero, tio estas tiel vera, homa, intima, malvasta kaj sekreta. Kion utilas, ke ni nun povas paroli kun ĉiu lernanta knabo, ke ĝi estas ronda? La homo nur bezonas malmultajn terbulojn por ĝui tie, pli malmultajn por sube ripozi.

Nun mi estas tie ĉi en la princa ĉaskastelo. Oni ankoraŭ povas tute bone vivi kun la sinjoro, li estas verema kaj simpla. Strangaj homoj estas ĉirkaŭ li, kiujn mi neniel komprenas. Ili ne ŝajnas esti friponoj kaj tamen ne aspektas kiel honestaj homoj. Kelkfoje ili ŝajnas al mi honestaj kaj tamen mi ne povas fidi al ili. Kio plue ĉagrenas min, estas, ke li ofte parolas pri aferoj, kiujn li nun aŭdis kaj legis, kaj ĝuste de tiu vidpunkto, kiel la alia prezentis ilin.

Ankaŭ li ŝatas miajn prudenton kaj talentojn pli ol tiun ĉi koron, kiu tamen estas mia sola fiero, kiu sola estas la fonto de ĉio, de ĉiu forto, ĉiu feliĉego kaj de ĉiu mizero. Ha, kion scias mi, povas scii ĉiu, mian koron havas mi sola.

La 25-an de majo.

Mi havis ion farotan, pri kiu mi volis nenion diri al vi, ĝis kiam ĝi estos plenumita: nun, kiam ĝi ne realiĝas, estas same bone. Mi intencis iri en la militon; tio longtempe tenis mian koron. Tial precipe mi sekvis la princon ĉi tien, kiu estas generalo en la servo de... Promenante mi malkovris al li mian intencon; li makonsilis de ĝi, kaj gi estus pli mia pasio ol ĥimero, se mi ne aŭskultus lin.

La 11-an de junio.

Diru kion ajn vi deziras, mi ne povas plu restadi. Kio estas mia tasko ĉi tie? Mi enuas. La princo zorgas pri mi kiel eble plej bone, kaj tamen mi ne estas en konvenaj ondiĉoj. Funde ni havas nenion komunan. Li estas sprita, ed tute ordinara viro; lia amikaro ne amuzas min pli ol se ni legas bonstilan libron. Ankoraŭ semajnon mi restos kaj iam ree vagos. La plej bona, kion mi faris tie ĉi, estas mia lesegnado. La princo sentas en la arto, kaj sentus pli antoraŭ, se li ne estus limigata per la abomena scienca karakero kaj per la laŭregula terminaro. Kelkfoje mi grincigas lentojn, kiam mi kondukas lin kun viva fantazio al naturo taj arto kaj li per unu fojo pensas esti prava, se li interrompaĉas per stampita fakesprimo.

La 16-an de junio.

Jes certe, mi estas nur migranto, pilgrimanto sur la tero! :u ne ankaŭ vi?

La 18-an de junio.

Kien mi iros? Tion mi malkovru diskrete al vi. Du semajnojn mi ankoraŭ devas restadi ĉi tie kaj tiam, mi imagis, ke mi vizitos la minojn en...; sed tute ne estas veraĵo, mi nur deziras pli proksimen al Ĥanjo: jen ĉio. Kaj mi ridas pri mia propra koro — kaj faros laŭ ĝia deziro.

(*Daŭrigota*).

# ESPERANTISMO

## AL NIA LEGANTARO

Ni rememorigas al niaj legantoj, ke ni deziras la kunlaboradon de kiel eble plej multaj samideanoj por la redakto de la rubriko « Esperantismo ». Ne necese estas skribi leterojn : plej ofte sufiĉas poŝtkarto. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri nia movado, sed kompreneble ni devos kelkfoje resumi, ĉar mankas al ni loko. Ni rekomendas al helpontoj la precizecon ; ili bonvolu indiki la daton de ĉiu fakto (parolado, kurso, k. t. p.), la devenon de ĉiu informo. Por artikoloj en naciaj ĵurnaloj oni sendu al ni, se ne la ĵurnalon mem, almenaŭ ĝian titolon kaj daton, la nomon de la urbo, kie ĝi aperas, kaj resuman enhavon de l'artikolo. Plue, kiam komitato organizas nacian aŭ provincan kongreson aŭ eĉ feston iom gravan, estas konsilinde konigi al nia redakcio kiel eble plej frue la daton kaj programon de tiu okazontaĵo. Tiela reklamo ne estas vana por la sukceso. Senutile diri, ke ni poste danke ricevos iom detalan raporton pri tiaj manifestadoj de nia vivado. Ĉiuj korespondaĵoj devas alveni antaŭ la 12ª kaj 27ª de ĉiu monato al la adreso : « Esperantio », rue de la Bourse, 10, Genève, Svislando.

---

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj**. — En *Capodistria* (Istrio, Aŭstrio) oni formis komitaton por la propagando de Esperanto kaj U. E. A. en tiu regiono. — P.

En *Berlin*, la Esperanto-Gruparo fondita la 23 jan. kunigis krom du liberstudentaj sekcioj, ĉiujn 16 grupojn nun ekzistantajn en Berlin kaj ĉirkaŭaĵo. Prez. : S-ro adv. Schiff. — O. F.

En *Romans* kaj *Bourg* (Franc.), societo « Bona Stelo ». — R. kaj B., P.

En *Spa* (Belgujo), fondiĝis grupo kun pli ol 100 membroj. Tiu rezultato estas ŝuldata al la viglaj klopodoj de S-ino Biske, ĉar antaŭ kelkaj monatoj, Esperanto estis tie tute ne konata.

En *Gœttingen* (German.), unuiĝo « Espero ». — G. E.

En *Wongrowitz* (German.), fondita de S-ro P. Theel. — G. E.

En *Berlin*, katolika societo ; prez. : S-ro Fromm. — F.

**Novaj kursoj**. — En *Cornigliano* (Ligurio, Ital.), ĉe la urbaj lernejoj nova kurso de S-ro Schmucker, de la Liguria Esp. Instituto. — S.

En *Genova* (Ital.) novaj kursoj ĉe la urbaj lernejoj, sub aŭspicioj de la Liguria Instituto. — S.

En *Borgo* (Finnl.), du kursoj kun 60 partoprenantoj ; unu por Finnoj (F-ino Lœnnberg kaj S-ro Soldan) ; alia por Svedoj (F-ino Andersen kaj S-ro Wahlbeck). — W. W.

En *Bourg-de-Péage* (Franc.), ĉe la unuagrada supera lernejo. — P.

En *Szababka* (Hungarl.), gvidata de F-ino de Zarag, instruistino. — Z.

En *Zolkiew* (Galicio, Aŭstrio) post propaganda vespero. — E. H.

En *Ufa* (Rusujo) kun 40 lernantoj, S-ro V. V. Zavjalov. — F.

Francujo : la Burgonja Federacio ĵus presigis afiŝon kun listo de la kursoj en jenaj urboj : *Autun*, *Auxerre*, (5), *Auxey-le-Grand*, *Beaune* (5), *Bourg* (4), *Chalon-sur-Saône*, *Le Creusot* (2), *La Crost*, *Digoin*, *Dijon* (3), *Lons-le-Saunier*, *Louhans*, *Mâcon*, *Meursault*, *Pont-de-Vaux*, *Saint-Germain-du-Bois*, *Saint-Nicolas-les-Citeaux*, *Savigny-les-Beaune* (4), *Tournus* (3).

Germanujo : en *Bad-Reichenhall*, *Ludwigshafen* (supera), *Charlottenburg* (2), *Werdau*, *Esslingen*, *Bamberg* (supera), *Berlin* (3), *Breslau* (4), *Einbeck*, *Elberfeld*, *Erlangen*, *Godesberg*, *Hamburg* (3), *Kattowitz O.-S.*, *Kolmar i. E.*, *Lüberck*, *Peine*, *St-Ingbert*, *Tilsit* (supera). — G. E.

**Kunvenoj kaj festoj**. — En *Trieste* (Aŭstrio), la 13. januaro, festeno de la « Rondo Esperanta ». Kanto, deklamoj, danco. — P.

En *Barrow in Furness* (Angl.), 5 jan., oka jarfesteno de la Esp., Societo. Koncerto parte Angla, parte esperanta. Ĉeestis 52 personoj. Neesperantistoj petis pri ripetado. — W. H. S.

En *Rotterdam* (Nederl.), La 7 jan., unua jarkunveno de la laborista klubo « L'Espero... » Sukceso promesplena por la estonto. — F. P.

En *Bordighera* (Ital.), 6 jan., ĉiujara festeno por interrilatigi la Esp.-istojn de la Riviera. Estis reprezentataj 7 nacioj. La proksima kunveno okazos en Nice. — D.

La grupo en *Roanne* (Franc.), la 7 jan., reelektis sian komitaton. Prezidanto : S-ro instruisto A. Paire ; Sekretario : S-ro L. Maillet, Stenografisto, 88, rue du Commerce. — M.

En *Santa Coloma de Farnès* (Hispan.), 7 jan., festeno de la grupo. 30 partoprenantoj ; multaj paroladoj, inter kiuj de la urbestro. Bona propaganda rezultato. — V. L.

En *Samos* (Turkujo), la 22 jan., jara balo de la « Samosa Esperanto-Societo », sub la patronado de la Geprincaj Moŝtoj de la insulo. — S.

En *Genova* (Ital.), la 17 dec., Zamenhofa datreveno festita de la Ĝenova Unuiĝo kun ĉeesto de alisocietanoj kaj de ĵurnalistoj. — S.

En *Gœttingen* (German.), 4 febr., propaganda vespero, en kiu ĉeestis 20 samideanoj el Braunschweig, Hanover, Kassel, Einbeck. Parolado de S-ro Reinking, ekspozicieto. « Gœttinger Tageblatt » tre fervore kaj detale raportis pri tiu manifesto. Novan kurson gvidas S-ro H. Steinberg. — S.

En *Spa* (Belgujo), Sukcesplena festo la 14 de jan., koncerto, kantoj ; en dua parto paroladis S-ro Mathieux (Bruselo) kun lumbildoj pri Esperanto kaj Esperantismo.

En *Ufa* (Rusujo), 17-18 jan., ekspozicio el la kolekto N. Foss. : 100 libroj, specimeno de 87 gazetoj, preskaŭ 700 P. k., el ĉiuj landoj, reklamoj, dokumentoj ĉiuspecaj, k. t. p. Pli ol 200 vizitantoj, el kiuj multaj fariĝis adeptoj. Multe da ĉefeĉaj ŝlosiloj disdonitaj. Favore raportis la gazeto « Ufimskij Vestnik ». — F.

**Paroladoj**. — En *Londono*, S-ro P. Blaise, ĉe la Emmanuel Club, pri U. E. A. — B.

En *Zolkien* (Galicio, Aŭtrio), S-roj S. Lazica kaj W. Gierciuselkewicz, el Lodz, aranĝis propagandan vesperon en la ejo de la nova Societo « Sokol », la 28 [illegible]. — E. H.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — La 18-an de jan. en *Le Locle* (Svisl.) organizita, en la urba teatro, de la loka Delegito kun la helpo de la Kinematografo « Central » kiu prenis ĉiujn elpezojn sur sin. S-ro Parrish parolis dufoje posttagmeze al la infanoj. Ĉeestis 700 la unuan fojon kaj 200 duan. La enirbiletoj (Fr. 0.20) estis venditaj en la lernejoj kun permeso de samideano S-ro A. P. Dubois, Lernejdirektoro. Vespere la parolado okazis sub la aŭspicioj de la oficiala komerca Konsilantaro kaj de la privata Societo de komercaj interesoj. Ĉeestis proksimume 400 personoj. S-ro Ducommun Prez. de nia Esp. grupo klarigis, ke la parolado estas organizita dank'al U. E. A. pri kiu li donis kelkajn utilajn informojn. Varma aplaŭdo. S-ro Humberset bonege tradukis la paroladon, kiu certe estis la plej bona propagando iam farita en nia regiono. — T. R.

En *Nancy* (Franc.) 19 jan., 250 personoj ; en *Esslingen* (Germ.) 23 jan. antaŭ 200 personoj ; en *Stuttgart*, dufoje, antaŭ 850 personoj entute ; en *Wiesbaden*, 24 jan., 400 ĉeestantoj ; en *Worms*, 24 jan., dufoje, kun sume 800 aŭskultantoj ; en *Aachen*, 5 febr. en Kurhaŭs, 150 personoj.

**Regionaj Esperantiaj kunvenoj.** — *Trieste.* — La kunveno okazis la 12 jan. Post la raporto de la Delegito, aprobita, la kunveno alprenis la rezolucion, kiun oni trovos en la rubriko « Organiza demando ». Ĝi ankaŭ decidis eldoni gvidfolion kaj gvidlibron de Triesto.

*Dresden.* — La kunveno okazis la 28 jan. en Stadtcafé. Ĝi komencis per la distrikta kunveno de Saksujo, ĉe kiu ĉeestis Del. el diversaj saksaj urboj. La Distrikta Delegito raportis pri sia agado kaj la stato de U. E. A. en Saksujo ; li komencos specialajn klopodojn por elektigi Del en la urboj, kie U. E. A. ne estas ankoraŭ reprezentata. Post diversaj diskutoj, la ĉeestantoj esprimis al la estraro de U. E. A. sian dankon pro la celkonscia laboro de U. E. A.

*Cape-Town.* — Okazis la 6 de dec. 1911. Post la raporto de la Del. kaj diskutato, oni akceptis unuanime : 1e Ke la membroj de U. E. A. kunvenu ĉiumonate, en centra loko, por interparolado ; 2e Ke estu permesate inviti al la kunvenoj ne-esp-ianojn por ke ili ek konu U. E. A. Per voĉdonado S-ro Clark estis elektata Del, kaj S-ro Hayhow Vicdel. La Del. poste starigis la necesajn konsulojn kaj tri Subdel.

*Peterburgo.* — La kunveno okazis la 31 jan. La Del. konstatis la rimarkindan plimultiĝon de la Esp-ianoj en Peterburgo ; la necesaj konsuloj estis elektataj ; gvidfolioj estas en preparo. S-ro Lorenczon raportis pri la vizito de fremduloj kaj speciale la vizito de S-ro H. Bolingbroke Mudie kun ses samlandanoj. La Del. rememorigis pri la Kongreso de U. E. A. kaj ĝiaj deziresprimoj. Post la raporto pri la regiona kaso kaj diversaj rimarkoj, la kunveno estis finata.

---

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Aprilo* (13-14). — Kongreso de la S. F. P. E, kongreso de la Esp. Federacio de la Pariza Regiono en *Parizo*.

*Majo* (26-28). — Kvina kongreso de Brita Esperanto-Asocio en *Portrush*.

*Majo* (26-28). — Kvara kongreso de Danaj Esperantistoj en *Vejle*.

*Julio* (27-31). — Kongreso de Germana Esperanto-Asocio en *Danzig-Zoppot*.

*Aŭgusto.* — Tria internacia katolika kongreso en *Budapeŝto*.

*Aŭgusto* (11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

*Aŭgusto* (11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

*Aŭgusto.* — Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapest*.

---

## DIVERSAĴOJ

∴ *Esperanto-Martiroj en Ĥinujo.* — Nia Del. en Ŝanghai skribas al ni la jenan leteron :

... Dank'al la graveco de U. E. A. kaj helpo de kelkaj samideanoj de tiu ĉi regiono nia afero progresis tiel, ke mi povis varbi kelkajn Esp.-ianojn en Ŝanghai kaj aliloke. Lastajn monatojn revolucio okazis en tuta Ĥinujo. Tio nature ne havas rilaton kun nia afero, se ne per tio ke komunikaĵoj per ĝi prokrastiĝis. Sed, malfeliĉe ! la jeno okazis al niaj kolegoj : Miaj energiaj helpantoj estas S-ro M. Vu, societestro en Mukden kaj S-ro Soong, societestro en Changchowfu, tre laboremaj samideanoj. La 15-an de decembro S-ro Soong estis mortigata de iu nekonato. Sed ĉiuj unuvoĉe diris, ke pri tio estas kulpa la tiea urbestro, kiu malkaŝe diris : « La Esperanto estas kaŭzonta revolucion ». Plie, S-ro Vu havas saman danĝeron. La urbestro volis aresti lin, dirante, ke li estas revoluciano, ĉar li adoras Tolstoj kun Esperanto ! S-ro Vu sin kaŝis en nekonata loko kaj mi de longe ne povas kun li korespondi... Mi esperas, ke iom post iom ni estos sur pli feliĉa vojo.....

∴ *S. f. p. E.* — Laŭ lasta statistiko (1 Jan. 1912), la franca societo por la propagando de Esperanto enhavas 10 federaciojn, 167 grupojn, el kiuj 18 sendependaj, kaj 8.385 membrojn.

∴ *B. E. A.* — Nia Prezidanto, S-ro H. Bolingbroke Mudie fariĝis prezidanto de la *British Esperanto-Association*, anstataŭ K-lo J. Pollen, kiu post sep jaroj de prezidanteco kaj senlaca laborado por Esperanto ne nur en Britujo, sed en la Britaj Kolonioj, rezignis sian oficon, kompreneble konservonte al nia movado sian apogon kaj kunlaboron.

---

## TRA LA GAZETARO

∴ *Le Monde Esperantiste* (Jan. 1912).

Sub titolo *Esperanto ĉe la Laboristoj* (A. Fréchas) :

«..... Se iafoje interfratiĝo regos en la mondo, ĝi estos ŝuldita al plena edukado de la popoloj kaj ne nur simple al instruado de ia ajn artefarita lingvo ; ĉar, se Esperanto havas la povon alproksimigi la estaĵojn kaj helpi al ili pli bone interkompreni unu la alian, ĝi ne havas tiun ŝanĝi iliajn karakteron kaj temperamenton. Ĝi ankaŭ ne havas la povon forigi de inter la homoj la malamojn, kiuj ilin dividas, la pasiojn kaj malvirtojn pro kiuj ili suferas kaj ĉiujn tiujn ĉi anstataŭigi per virtoj. Do, se morgaŭ ĉiuj popoloj de la tero konus Esperanton, la bataloj inter nacioj tamen ne estus solvitaj. La edukada valoro, kiun oni povas eltiri el la kono de tiu internacia lingvo estas verdire reflekta kaj ĝi estas nepriatentinda ; la lernado de Esperanto havos nur efikon kunhelpeman en la edukado de la popoloj, sed estas eraro ĝin konsideri kiel solvon... ».

∴ *Verda Standardo* (Jan. 1912), oficiala organo de la Hungarlanda Esp. Societo, havos de nun S-ron P. Robicsek kiel

redaktoron, anstataŭ S-ro de Marich. La gazeto anoncas
tre vigla estas nun la Esp. movado en Hungarlando ;
Kongreso okazos en Budapest dum somero.

∴ *Itala Esperantisto* (Dec. 1911), anoncas kontentigajn
gresojn de nia movado en Italujo. La Itala Esp.-Asocio
daŭ kalkulos mil membrojn.

∴ *La Kulturo* es'as nomo de nova gazeto de bohema la
ristaro Esp. en Aŭstrio, redaktata ĉe̊he kaj Esperante.
unua celo estas « la praktika uzo de Esperanto en se
de internacia socialismo ».

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Statistiko.**

Jen la movado de la korespondaĵoj ĉe la C. O. de U. E. A., dum la monato januaro.

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1.526 | 327 | 1.407 |

Tuta sumo : 3.340 (sen la jarlibroj). Antaŭa monato : 2.958. Antaŭa jaro (sama monato) : 3.232.

La Direktoro.

**Financoj.**

*Kontelĉiro de U. E. A. de Januaro 1912*

| *Debito* | Sm. | *Kredito* | Sm. |
|---|---|---|---|
| Oficejo kaj Materialo | 107 32 | Kotizaĵoj | 518 85 |
| Salajroj | 162 46 | Dumvivaj membroj | 20 00 |
| Korespondado | 73 64 | Subtenantoj | 49 50 |
| Presado de la Jarlibro | 684 84 | Aprobantoj | 1 46 |
| Presaĵoj | 138 26 | Esp. Entreprenoj | 37 11 |
| Afranko de Jarlibroj | 264 83 | Anoncoj | 45 00 |
| Diversaj kontoj | 6 30 | Saldo | 765 73 |
| | 1.437 65 | | 1.437 65 |

*Fakaj Kotizaĵoj*

| *Debito* | Sm. | *Kredito* | Sm. |
|---|---|---|---|
| Laborista Fako | 33 08 | Interŝanĝa Fako | 19 52 |
| Virina Fako | 33 84 | Laborista Fako | 3 50 |
| | 66 92 | Virina Fako | 9 00 |
| | | Saldo | 34 90 |
| | | | 66 92 |

**Subtenantaj Membroj (4-a. listo) :**

121. *F. Tierack*, Sao-Leopoldo ; 122. *Sanchez*, Valencia ; 123. *A. Mello*, Rio de Janeiro ; 124. *J. Queiroz*, Rio de Janeiro ; 125. *G. Einziger*, Duisburg ; 126. *L. Fuhrmann*, Düsseldorf ; 127. *W. Schmitz*, Altenessen ; 128. *J. Martin*. Nice ; 129. *P. Proctor*, Brisbanne ; 130. *R. Lorencson*, Peterburgo ; 131. *Le Duigou*, Cherbourg ; 132. *F. Rohden*, Essen-Ruhr ; 133. *Th. Christen*, Bern ; 134. *H. Grieman*, Rostov-Don ; 135. *A. Krajewski*, Zabor ; 135. *Tiard*, Paris ; 137. J. *Wilson*, Hillesdon ; 138. *N. Ivanov-Bruno*, Petersburg ; 139. *J. Garcin*, Casteblane ; 140. *E. Webber*, Invercargill ; 141. *R. Mackinnon*, Invercargill ; 142. *A. Stupin*. Moskva ; 143. *Richardson*, Bruselo ; 144. *F. Mathieux*, Bruselo.

**Kontrolado de la Kalkuloj.**

La subskribintoj, Rousseau Théophile, Delegito de U E. A. en Dijon, kaj Evrot, J.-M., Delegito de U. E. A. en Chambéry, kontrolinte la kalkulojn de Universala Esperanto Asocio en ĝia sidejo, 10, rue de la Bourse, Genève, certigas, ke ili trovis ĉion en ordo kaj konforma je la kalkullibroj.

Ĝenevo, la 28-an de decembro 1911,

*Subskribis :* Th. Rousseau, J.-M. Evrot.

Werdau (Germanujo, Saksujo). — D. : ... fruktkulturisto Seelingstædt b./Werdau.

**Ŝanĝoj.**

Charleroi (Belgujo, Hainaut). — D. : Lambert Delvaux, prof. en la reĝa Ateneo, 23, Boul. Joseph II. — Enkhuizen (Nederlando, Nord Hollande). — D. : Andries Rykentzon, Semeynzstr, 66. — Erlangen (Germanujo, Bavarujo). — D. : Hermann Barnack, stud., phil. Südl. Stadtmauerstr, 4. — Hilversum (Nederlando, Hilversum). — D. : J.-F.-E. von Rœmer, Villa « Gooiheim », Bushumergmidweg, 14. — Kairo (Egiptujo). — VD. : L. Cirilo Atkins, regist. oficisto, Sharia Keldani, 7, Avenue Choubra. — Kœln a./Rh. (Germanujo, Rheinland). — VD. : Aug. Junker, Hohestr, 26. Nowo-Minsk (Rusujo, Polujo). — D. : Josefo Chankowski, ŝtatoficisto. — Perigueux (Francujo, Dordogne). — André Jubert, 34, Cours Fénelon. — Porth Amboy (Usono, N. J.). — SD. : H. W. Fisher, inĝeniero, Stand. Und. Cable C-o. — Riazan (Rusujo). — D. : Mihail Cimbalisty, Sobornaja, 246. — Saint-Gilles (Belgujo, Bruxelles). — SD. : S-ro Bonabo, monŝanĝisto, 32, rue Gustave Defuet. — Troyes (Francujo, Aube). — D. : S-ro Debarry, rue Gallet, 16, St-Sarine. — Youngstown (Usono, Ohio). — SD. : K. C. Kerr, kontisto, Republic Building. — Zmerinka (Rusujo, Podolsk gub.). — D. : G. Gehrmann.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Prien (Germanujo). — Esperanto-Klubo Prien. — London (Anglujo). — Thos. Cook kaj Filo, Turist-Agentejo, Ludgate Circus, London.

**Korektoj.**

Charleroi (Belgujo). — Grupo Esperantista. Kunvenoj : merkrede je la 8-a vespere. — Genova (Italujo). — Genova Esperanto Unuiĝo. Sidejo : Salita Pollaiuoli 13-4, Genova M. 120. — Genova (Italujo). — Itala Esperanto Asocio. Adr. : Salita Pollaiuoli 13-4. — London (Anglujo). — Emanuel Esp. Klubo. S. : E. A. Allsop, 27-a Burnbury Rd., Balham S. W. Ejo. : L. C. C. Lernejo, 265-a Camberwell Rd. S. E.

# ORGANIZA DEMANDO

La Esperantia kunveno en Trieste alprenis la jenan rezolucion :

La Esperantianoj de Trieste, konsiderante ke du internaciaj asocioj de esperantistoj estus tre danĝeraj por la disvolviĝo de Esperantismo mem, opinias, ke devas ekzisti nur unu, en kiu ĉiuj Esperantistoj estu enskribotaj kaj ke la sola asocio por tiu celo estas U. E. A., kiu jam donis multnombrajn pruvojn pri sia taŭgeco.

La kunveno de la Nottinghamaj Esperantistoj akceptis la jenan deziresprimon :

BORGO (Finlando). — 60 Esperanto-gelernantoj (instruistoj komercistoj, laboristoj, junuloj), deziras korespondadon. Skribu al S-ro Walter Wahlbeck. Sciigo pri aĝo kaj profesio dezirata.

---

KRIZANTEMOJ kun grandaj floroj. Kolekto da 250 malsimilaj oj. Oferas junajn kreskaĵojn tre vivantajn, sendeblajn en Marto-Aprilo. Prezo : 5 frankoj po 12 specoj malsimilaj, Koloroj tre diversaj. Katalogon laŭ peto. S-ro A. Hollert, amatora ĝarden kulturisto, Boulogne-sur-Mer (Francujo).

---

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

---

PAŬLO BORISOV. — Riga Politeĥnikumo — Praktika Fiŝkapto kaj Fiŝkulturo.

---

POŜKRAJONOJ kun pintigiloj kaj magaseno el diverskolora galalito surskribitaj « Samideano » po 50 Sd., kun plumo duaflanke 60 Sd. Ĉiuj Esperantistoj mendu ĝin ĉe « Societo Esperanto », Krakovo, Austrio.

---

POŜTMARKOJ. — S-ro V. J. Perevalov, termezuristo, Lugovaja ul., 54, *Irkutsk* (Siberio) interŝanĝas kolektojn da rusaj PM. je kolektoj da diversaj regnoj aŭ PI. karakterizantaj aliajn landojn).

---

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hispanujo).

---

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al : H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ili mem pagas vojaĝkostojn).

---

WANDSBEK APUD HAMBURG (Germanujo). — S-ro Aug. Brüggemann, Bramfelderstr. 42 PI., kaj gazetoj. Atentu. Bonvolu skribi al mi per PI. vian naskiĝotagon kaj mi sendos al vi ĉiujare belan germ. bondezirkarton.

---



**Florujoj argilaj** kun aspekto de bronzo antikva.

Ili estas, sen fanfarono, samtempe malkaraj kaj de bona kvalito.

**Esperantianoj !**

Helpu al samideano prosperi, atentigante intereseblulojn je ĉi tiu komercajo profitodona

**Eugen TAURAT, DRESDEN, 16.**

---

# GERMANA ESPERANTISTO

La gazeto aperas en **du eldonoj**, kiuj duonmonate alternas. **Eldono A**, eliranta la **5-an de ĉiu monato**, celas la **propagandon por Esperanto**. **Eldono B**, eliranta la **20-an de ĉiu monato**, estas **pure literatura**.

Jara abonprezo por Germanujo kaj Aŭstrio-Hungarujo 4 M. (2 Sm.), por ĉiuj aliaj landoj 2.250 Sm. La abonoj komenciĝas nur en Januaro, Aprilo, Julio kaj Oktobro. Laŭdezire oni povas **aparte aboni ĉiun el ambaŭ tute sendependaj eldonoj** por la **duono** de la supre montritaj prezoj.

**Esperanto Verlag Mœller & Borel**

**BERLIN SW. 68, Lindenstr. 18/19.**

---

Kontraŭ

**Reŭmatismoj, Iskiatiko, Lumbago, k. a.**

*la negrasaĵa balzamo*

# "ASARCOS"

**estas la plej efika kaj la plej pura el ĉiuj eksteraj kuraciloj.**

Sendo kontraŭ poŝtmandato da :

por Francujo : frankoj **2** » (Sm o.80)

por Fremdlandoj : » **2.25** (Sm o.90)

Skribu al S.ro J. BOUGE, farmaciisto, GRASSE (Francujo).

---

# DANUBO

MONATA ORGANO DE LA RUMANAJ KAJ BULGARAJ ESPERANTISTOJ

Internacia gazeto (32 p., 16×24) nur en Esperanto

*Redaktata de speciala komitato*

*kun la kunlaborado de eminentaj diverslandaj Esperantistoj*

Fundamenta, korekta stilo ! Plej enhavoriĉa ! Plej malkara !

REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO :

**5, Str. I. C. Bratianu, BUCUREŜTI (Rumanujo)**

**Jara abono : 1.40 $ (Fr. 3.50)**

Persono, kiu abonigas 5 novajn personojn por jaro, rajtas ricevi senpage *Danubon* dum unu jaro. Specimena N-o nur kontraŭ respondkupono.

---

# LINGVO INTERNACIA

*Centra organo de la Esperantistoj*

La plej malnova el ĉiuj Esperantistaj gazetoj. Fondita en 1895 15-20

**Abono : 5 fr. (2 $)**

# JUNA ESPERANTISTO

*Monata beletristika Gazeto por junuloj, instruistoj kaj Esperanto-lernantoj*

Ordinara enhavo : Rakontoj kaj Noveloj, Fabeloj, Poemoj, Lingvaj ekzercoj, Amuzoj, Problemoj

**Jarabono : 2.50 fr. (1 $)**

*SPECIMENO SENPAGE RICEVEBLA*

**Presa Esp. Societo, 33, rue Lacépède, 33, PARIS**

---

*La Administranto (Gérant) :* MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).



## SAMIDEANOJ, ATENTU!



**Novajn insignojn fabrikas la firmo**

**H.-E.-D. AUDOIN**

*81, Rue de Beaubourg, PARIZO*

Pingloj, Broĉoj, Ĉenpendaĵoj, Capelpingloj por sinjorinoj, Butonoj por manumoj kaj butontruoj; emajlitaj flagetoj por ĉapoj.

Flagoj, Flagetoj, Signaloj, Gvidiloj, Standardoj Medaloj, Metalmarkoj, Diplomoj, Brodaĵoj, Mortotukoj.

Specialaj modeloj registrigitaj. Grava rabato al vendistoj kaj esperantistaj grupoj 15 0/0

La firmo povas fabriki ĉiajn specialajn signojn aŭ Standardojn kun surskribo laŭvole por Grupoj, societoj, k. t. p.

Riĉaj insignoj el arĝento kaj el oro

*Petu la senpagan, ilustritan kaj koloriĝitan katalogon kaj adresu ĉiujn leterojn al*

**S-ro Albert DUPUIS**

Ĝenerala Agento

**2, rue de l'Arc-de-Triomphe, PARIS (XVII^e)**

kiu tuj respondos

## Kvaroncentjara SPERTO pri Publikigarto



**ILUSTRIGU**

*VIAJN*

**ENPRESAĴOJN**

*KAJ*

*ĈIUJN VIAJN*

**PRESAĴOJN**

*PER*

*LA*




**PUBLICITE**



**Esperanto**

**HERLEMONT**

**25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X^e)**

Grafikaj Artoj de Publicite " ESPERANTO ", Herlemont

**MIRALETTRE** (Leterpapero sen koverto) **necesega por ĉiu**

Specimenoj (verde presitaj steloj por *Poŝtkupono*.

*ESPERANTO*, 25, rue Saint-Vincent-de-Paul, PARIS (X-e)

## SILKAJ ESPERANTAJ PROPAGANDILOJ

El belaj verdstelumitaj ŝtofoj. Universala uzado.

| | | | |
|---|---|---|---|
| Flageto, | 0.120 Sm. | Ĉapelpinglo, | 0.560 Sm. |
| Brakbanto, | 0.400 Sm. | Vualskarpo, | 1.320 Sm. |
| Kravatoj, | 0.500 Sm. | Rubando, metro, | 0.800 Sm. |

*Silka portreto de* **D-ro Zamenhof** *sur poŝtkarto, 0.300 Sm.*

Kontraŭ respondkupono oni ricevas flageton kaj ilustritan prezaron. — Rabato pogrande. **B. PEYRAUD**, V.-Del. U. E. A., 54, rue Préfecture, **Saint-Etienne (Franc.).**

## "Pelikan"

Tra la tuta mondo la nomo estas konata. Ĉu ĝi ne ankaŭ troviĝas sur via inkboteleto? Se ne, tuj provu inkon "Pelikan"! Ĝi estas fabrikaĵo de perfekta kvalito, same kiel skribrubandoj kaj karbopaperoj de l'marko "Pelikan". Via paperisto ilin liveras al vi, sed postulu la markon "Pelikan"! Prospekto esperanta N^ro 215 senpage sendata de la fabrikanto

Günther Wagner, Hannover (Germanujo) kaj Viena

# HOTELO

## LOUIS-LE-GRAND

**2, rue Louis-le-Grand, PARIS**

En belega loko, inter la rue de la Paix kaj Avenue de l'Opéra. Moderaj prezoj. Oni parolas en Esperanto. English Spoken. Man spricht Deutsch. Se habla Espanol.

# ESPERANTISTA POŜKALENDARO

★ por la jaro 1912 ★

Redaktoro :

**D-ro A. Schramm, reĝa asesoro, Dresden.**

La nova eldono enhavas, krom la ambaŭstila datoro kaj diversaj tabeloj, tre riĉan kaj valoran materialon, multe pli ampleksan ol en la antaŭaj jaroj. Multaj artikoloj informos la aĉetantojn de la libro pri ĉio, kio estas sciinda en Esperantujo, kaj pro tio la nova Poŝkalendaro estas bezonata libro por ĉiu esperantisto.

Pro la abundeco de la materialo la kompleta listo de la esperantistaj grupoj, kiu ĝis nun troviĝis en la Poŝkalendaro, aperos kiel aparta libro en Aprilo 1912

**Prezo de la Poŝkalendaro** (unua parto 0,80 M (0,400 Sm.) neafrankite,

Sendkostoj por Germanujo 0,10 M., por ĉiuj aliaj landoj 0,15 M. (0,075 Sm.).

Oni postulu specialan prospekton de

**Esperanto Verlag Mœller et Borel**

Berlin SW. 68, Lindenstr. 18-19

oooo kaj korespondantoj oooo